# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO



# 18-A KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

**18/19 SEPTEMBRO 1976**

# VALLS

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Directora:** Doña Carmen Payá Mira
**Dirección y Administración:** Oficina Central - Rodríguez San Pedro, nº 13, 3º nº 7 - Telf. (91) 446 80 79 – MADRID - 15.
**Redactor Jefe:** Don Salvador Aragay Galvany - Bassegoda, 40 Telf. (93) 240 14 28 – BARCELONA - 14.
**Comité de Redacción:** D. Llibert Puig, D. Giordano Moya, D. V. Hernández Llusera, D. Gabriel Mora y Arana, D. Pedro Nuez, D. Luis de Yzaguirre, D. Rafael Herrero y D. Juan Devís.

## ADRESOJ

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Centra Oficejo:**
Str.Rodriguez San Pedro, 13-3º,7
Teléfono (91) 446 80 79
MADRID-15

**Prezidanto:**
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19 – 7°
MADRID-16

**Sekretario:**
S-ro José Mª González Aboín
Centra Oficejo

**Kasisto:**
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2 – 8°
MADRID-20

H.E.F.–Ĉekkonto: N° 8.362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

**Libroservo de H.E.F.:**
S-ro Félix Gómez Martín
Centra Oficejo

**Informa-servo de H.E.F.:**
Centra Oficejo

**Eldona Fako:**
F-ino Inés Gastón Burillo
P° Marina Moreno, 35 – 4°
ZARAGOZA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankau ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.

PORTADA:

Emblemo de la

18-a
KATALUNA
ESPERANTISTA
RENKONTIĜO
18/19 SEPTEMBRO 1976
VALLS

Nº 217 – Septbre. - Octubre, 1.976.

DONATIVOS PARA EL BOLETIN:

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 8.715.- |
| Julio J. Juanes | 50.- |
| A. Bernaldo de Quirós | .200.- |
| Valerio Capell | .867.- |
| TOTAL | 9.832.- |

# DU VOĈOJ EL GALEGIO:

## CURROS ENRIQUEZ KAJ ROSALIA DE CASTRO

La Hispanaj Kongresoj de Esperanto, en sia ĉiujara pilgrimado tra la lando, prezentas al ni grandan diversecon de pejzaĝoj, gentoj, kutimoj, kaj, kelkfoje, lingvoj.

Ni kunsidas ĉi-jare en la dolĉa kaj verda Galegio. Apud la maro. Inter homoj, kiuj gajnas sian panon ĉu laborante la teron, ĉu navigante tra la maroj de la tuta mondo.

Ĉi tiuj homoj parolas la plej dolĉan, la plej belan, kaj ankaŭ la plej antikvan el la diversaj lingvoj naskitaj de la latina sur nia duoninsulo. Ili parolas la galegan lingvon.

Kaj estis ĝuste la galega lingvo —aŭ pli bone dirite— la galera-portugala lingvo, kiu sin oferis al la poetoj de la Mezepoko kiel plej perfektan instrumenton por esprimi iliajn penson kaj senton.

En la dektria kaj dekkvara jarcentoj, la galega liriko produktas etajn, kortuŝajn majstro-verkojn.

Pri ili parolas Menéndez Pelayo:

— Dum la dektria kaj dekkvara jarcentoj ekzistis lirika populara poezio de granda beleco, kaj tiu poezio estis verkita en galega lingvo.

Kaj —aldonas Menéndez Pidal— tiu liriko devenas de iu speciala karaktero propra de la galega popolo, de ĝia etna fundo, eble sen vere antropologia bazo, sed kiu tamen gvidadis multajn generaciojn de poetoj.

En tiuj jarcentoj, kiam tra la poezio en hispana ligvo resonadis nur la dura galopado de Babieko, el la lipoj de la galegaj poetoj eliris dolĉaj versoj pri amo, pri soleco, pri amato malproksima. Junulino kantas:

Aj! floroj de l'verda pino
kie troviĝas, diru, la mia amiko.

Aj! floroj de l'verda branĉo
kie troviĝas, diru, la mia amato.

Vekiĝu, amiko, ne dormu dum freŝ-mateno
la birdoj ĉie pri amo kantas.

Vekiĝu, amiko, ne dormu dum freŝ-mateno
la birdoj ĉie pri am' kantadas.

"Kantoj de amo", "kantoj de amiko", "kantoj de moko", estas la diversaj aspektoj, sub kiuj sin esprimas la poezia genio de la raso dum la Mezepoko.

Poste, venas longjara silento, silento preskaŭ absoluta. La galega voĉo silentiĝis dum kvarcent jaroj.

La Renaskiĝo de la galega literaturo okazas en la deknaŭa jarcento. En la jaro mil naŭcent dudek ok, Pastor Díaz verkas poemon en galega lingvo, kies titolo rezultis profetiga: "A Alborada" — Tio estas, "La Mateniĝo".

Jarojn poste, Johano Pintos aperigas sian poemaron "A gaita galega", kies ĉefa celo estas la defendo de la galega lingvo kiel poezia ilo.

Kaj la plena Renaskiĝo de la galega literaturo komenciĝas per la verkoj de Rosalía de Castro, kvankam la kontribuo de la antaŭaj pioniroj estas alte estiminda.

Alia unuaranga figuro estas tiu de Manuelo Curros Enriquez. Estus sendube laboro longa pasigi antaŭ vi kvazaŭ katalogon de verkoj kaj verkistoj en la galega lingvo.

Ĝuste pro tio, mi preferis centrigi mian paroladeton sur ĉi tiujn du gigantojn de la ĉi-landa literaturo: Pri Curros Enriquez mi parolos iomete epizode. Antaŭ Rosalía, ni devos halti respektoplene, por simpatie kontempli tiun figuron de virino, kiu elstaras majeste sur la kampo de la galega literaturo.

Manuelo Curros Enriquez naskiĝis en Celanova, en la jaro mil okcent kvindek unu. Li mortis en mil naŭcent ok.

Kiam la poeto estis dudekok-jara, oni premias, en konkurso okazinta en Orense, lian poemon "La Virgulino de'l Kristalo". ("A Vırxe do cristal").

La poemo baziĝas sur populara legendo, kaj posedas la karakterizajn trajtojn de la menso kaj stilo de Curros.

La rakonto estas simpla, bela kaj tragika. Permesu al mi trarigardi ĝin:

Proksime al Orense, sur la vojo al Celanova, meze de verda valo, ombraj bosketoj kaj ridantaj riveretoj, knaboj el la lernejoj serĉas fragojn, dum knabinoj beligas sian hararon per floretoj ruĝaj kaj bluetaj. Je la centro de la valo leviĝas, obskuraj kaj minacantaj, la turoj kaj muregoj de malnova kastelo.

Ni estas en la jaro mil sescent tridek. La sinjoro de la kastelo loĝas malproksime, en la Kortego. Li nur memoras pri la valo kiam li devas depreni la impostojn de la mizeraj vilaĝanoj.

Kaj tie, en la kastelo, loĝas Martiño kaj Roza. Ambaŭ orfoj. Li estas dudekjara. Ŝi estas deksesjara, milda, bela kaj naiva knabino. Martiño kaj Roza apartenas al la servistaro de la kastelo. Sendube, se la du orfoj ne mortis pro melankolio, tion ŝuldas al la fakto ke, iun dimanĉan matenon, je la eliro de la Meso, ili fianĉiĝis.

Nun, ĉiunokte, ili paroladas, sidantaj sur ŝtona benko, vidalvide al la nigra kastelo. "Ili devas multe sin ami", flustras la vilaĝanoj.

Tamen, serpento de jaluzo eniras en tiun aman paradizon. Iu-nokte, ili diskutadas. Martiño estas furioza. Iu —Iu bona amiko— rakonstis al li, ke Roza kokras lin. Ke ŝi havis rilatojn kun aliaj viroj... La akuzo estas tre grava. Ne, Martiño ne edziĝos al ŝi. Kaj ŝi sin defendas energie: Neniam, neniam viro eĉ tuŝis unu el ŝiaj haroj...! Se li ne plu amas ŝin, li povas foriri.

Digne kaj orgojle ŝi aldonas:—

Rilate purecon,
Kion pensas vi?
Ne ekzistas kristalo
pli pura ol mi!

Ili disiĝas. La knabino foriras plorante. Martiño restas kaj meditas... Eble ŝi diris la veron... Eble ŝi estas bona kaj pura... Se ĝi estus tiel... Se ĝi estus tiel —murmuras la junulo— tiam, Xan de Ventraces, mi elŝiros vian langon!

La tempo pasas, kaj ambaŭ junuloj suferas. Roza ploras sian perditan amon.

Rosiña ploras tage kaj nokte. Kaj nun, je la varmo de la lito, ŝi preĝas al la Virgulino. Kaj.. oho! mirindaĵo! Dum la dormo, iu blanka, bela, dolĉa Sinjorino sin klinas sur Rosiña, afable ridetas kaj konsole parolas al ŝi. "Rosiña, mi scias, ke vi multe suferas, ĉar iu dubas pri vi. Ne timu, mi redonos al vi vian bonfamon. Ne ploru, etulino. Ni renkontiĝos denove, sur la kampo, se vi iras al la kampo.

Sekvantan matenon, Martiño renkontas survoje sian fian amikon, Xan de Ventraces. Estis Xan kiu semis dubon en la koron de Martiño. Kaj denove Xan kuraĝas fiparoli pri Roza. Kian Xan foriras, liaj vortoj restas en la kapo kaj koro de Martiño:

"Atentu, Martiño. Ne edziĝu al ŝi. La tuta vilaĝo komentas kaj ridas pri via naiveco..."

Kaj tiaj vortaĉoj luktas kontraŭ la vortoj de Roza:

"Mi estas pura. Pura, kiel kristalo. Mi estas pura kiel kristalo".

Kion fari, kion pensi..? Kaj Martiño vagadas tra la kampoj, sen trovi respondon al sia demando.

Subite, meze de la konfuzaj pensoj de Martiño, fulmo brilegas en la ĉielo, kaj tondro terura surdigas Martiñon, kaj lin ĵetas teren.

Post momentoj, li leviĝas peze, sin palpas, sin trovas nevundita. Sed...kion li vidas antaŭ si, brilegantan sur la tero?

Martiño sin klinas, kaj prenas ĝin en siaj manoj. Estas... estas kvazaŭ ŝton-kristalo, kiel ovo de kokino, bela, pura, brilanta... Kaj... kio estas interne? Ho, jes, estas blanka, eta sinjorino, kiu ridetas..."!

Ĉu... tio povas esti bona? Ĝi venis kun la fulmo. Kun la fulmo, kiu preskaŭ mortigis lin... Kaj kolere, blinde kolere, Martiño ĵetas for la kristalon, kaj ekkuras el tiu danĝera loko.

Kaj... kiu alvenas al tiu sama loko, poste, gardante ŝafaron? Roza, Rosiña mem, kiu sidas sur ŝtono kaj ploras sian malfeliĉon, ĉar Martiño ne revenis al ŝi.

Subite, iu brilo forta kaj pura altiras ŝian rigardon, Kio estas tio? Ĉu, ŝtono? Kristalo? Rosiña prenas ĝin. Jes, kristalo... Sed... kio, kio brilas interne, tiel bele, tiel mirinde bele... Ho, jes... estas eta virino! Sed... sed... estas ĝuste tiu virino, tiu sama Sinjorino, kiu vizitis ŝin dum la dormo! . Ja estas la Sankta Virgulino, jes... La Ĉielpatrino, kiu ridetas kaj dolĉe rigardas, kaj ŝajnas paroli al sia filineto Rosiña..!

Monato pasis. La sonoriloj de Vilanova tinte alvokas la fidelulojn. Oni celebras la trovon de la "Virgulino de l'Kristalo". Moŝta Sinjoro la Episkopo de Orense, eĉ la Rego mem, jam havis en siaj manoj la Kristalon. Kaj nun, denove la Kristalo troviĝas en la altaro de la preĝejo, kaj antaŭ la eta Sinjorino preĝas la popolo de Vilanova.

Dume, kio okazas al niaj karaj Martiño kaj Roza? Roza restas en sia ĉambreto de la kastelo. Martiño sin promenas senparole sub la fenestro de la junulino. Li tusetas, li bruas, li ne kuraĝas voki ŝin... Kaj finfine, dank' al Dio, la fenestro malfermiĝas kaj Roza aperas tie.

"Roza, Rosiña mia, pardonu min. Mi dubis pri vi. Mi kredis mensogojn de fiulo. Sed nun, mi posedas la pruvon de via boneco. La Kristalon kiun vi trovis, mi trovis antaŭe... kaj mi forĵetis ĝin. Nun mi komprenas, Rosiña ke vi estas pura kiel kristalo. Rosiña, mi amas vin, kaj mi deziras iĝi via edzo. Mia Rosiña...

Tamen, io sanĝiĝis en Roza. Ĉar ŝi respondas al Martiño:

"Jes, Martiño, mi edziĝos. Mi edziĝos al Jesuo. Kaj mi nun preĝas, por ke vi trovu alian virinon, kiu feliĉigos vin. Adiaŭ, Martiño, adiaŭ por ĉiam".

Kaj la fenestro fermiĝas senbrue.

Ĉe la strato restas Martiño, pala kiel mortinto, kvazaŭ najlita al la tero. Kaj tiam, post li, sonoras brutala ridego. Lupa ridego, besta ridego.

— "Dio, kiu ridas? "
— "Mi, Xan de Ventraces".
— "Cu vi, ŝteslisto de virin-honoro? "
— "Mi mem, Martiño".
— "Mi ĝojas, Xan. Vi ŝuldas ion al mi, kaj nun vi pagos".
— "Kiam vi volos, Martiño. Mi venas preta".
— "Do, antaŭen al Sotoverde, Xan".
— Kien vi volos, Martiño".

Sekvantan tagon, matene, la tuta vilaĝanaro kunestas en Sotoverde. Viroj, virinoj, knaboj, rigardas mirigitaj ion, kio tremigas ilin pro teruro. Trapikita ĉe stango, pendas... lango.

iu diras:— "Ŝajnas lango de besto". Alia:— "Ŝajnas lango de bovido, laŭ la elverŝita sango."

Tagmeze, Xan, preskaŭ sensanga, preskaŭ morta, aperas en la vilaĝo. Li ne havis langon.

Kvar monatojn poste, Roza troviĝas en la monakinejo de Allaríz. Kaj fronte al monakinejo, tage kaj nokte, ardante en ama febro, Martiño rigardas senĉese la fenestron de la amatino. Li kredas, ke post tiu fera krado, iu sentas ankoraŭ same kiel li.

Komencas neĝi... Martiño ne sin movas. Iom post iom, kampoj kaj montoj malaperas sub la blanka tolaĵo de la neĝo.

Dummomente, ŝajnas al Martiño, ke li vidas Rozan. Li volas paroli al ŝi... sed ne povas. Li sopiras... Kaj li restas senmova. La neĝo falas sur lin. Sur lian mortan korpon, silente kaj daŭre.

Jen, geamikoj, la poemo de Martiño kaj Roza. Se vi iras al Vilanova, vizitu la belan kapeleton, kie la Virgulino de l'Kristalo atendas vin. Ŝi akceptos vin ridetante kaj sendube ŝi helpos vin en viaj necesoj.

La legendo estas bela, kaj ankoraŭ pli bela, se vi povas legi ĝin en la versoj de Curros Enriquez.
La metriko kaj stilo sin adaptas perfekte al la karaktero de la diversaj epizodoj. La ritmo de la versoj, ĝia rapido kaj eleganteco, memorigas al ni pri la plej elstaraj momentoj de nia teatro en la Ora Jarcento.

Kiam la legendo publikiĝis, kune kun aliaj poemoj, en la premiita libro "Aires da miña terra", la sukceso estis grandega.

Tamen, iuj, "bonpensantoj" trovis, ke en la libro aperis esprimoj kontraŭaj al la katolika penso.

Oni denuncis la libron kiel herezan, skandalan kaj blasfeman. La proceso estis longa kaj ne facila. Oni kondamnis Curros Enriquez je du jaroj kaj kvar monatoj en karcero. Liaj advokatoj apelaciis al plej alta Tribunalo. La defendo farita de advokato s-ro Puga Blanco estis vera majstroverko de tribunala oratoreco.

Sendube kelkaj el la esprimoj en la libro estas akraj. Inter ili, aperas populara idiomaĵo, kiu, en la teksto de la poemo, povas ŝajni eĉ ofenda, se oni ne scias ekkoni ĝian frapan literaturan valoron. La esprimo estas: "Qué diaño de muller! ", tio estas, "Kia diabla virino", laŭvorte tradukita, kaj rilatas la Virgulinon.

Tamen, nek la intenco, nek la tono de la tuta poemo, permesas al inteligenta leganto akcepti tiun laŭvortan tradukon. La vera valoro de la esprimo estas laŭda, admira, kaj esprimita per vortoj de simpla kamparano, kiu uzas sian kutiman parolmanieron por esprimi sian ĝojon kaj admiron. Se ni konsideras, ne la surfacan, sed la profundan planon de la idiomaĵo, ni komprenos, ke la valoro de la esprimo estas tutsimple: "Kia mirinda virino! ".

Finfine, post longa leĝa proceduro, la supera Tribunalo nuligis la antaŭan verdikton kaj oni deklaris la poeton senkulpa.

Ne eblas ĉi tie analizi la literaturan valoron de la verkaro de Curros Enriquez. Sufiĉis nur skizi lian personecon, kaj doni al vi, kiel mi faris, resumon el la plej longa kaj bela inter liaj poemoj. La socian, psikologian kaj politikan aspekton de la poezio de Curros Enriquez, oni povus elmontri kiel majstran modelon por la hodiaŭa tiel-nomita "protest-kanzono", kiu surdigas nin kie ajn.

Kiel vi scias, por veni al la kulmino de la galega poezio, ni devas halti antaŭ Rosalía de Castro.

Rosalia okupas, kune kun Becquer, la plej altan lokon en la historio de la hispana lirika poezio. La novaĵoj en la metriko, kiujn Rosalía starigis, estis tre fekundaj, kaj en tiu ĉi aspekto ŝiaj verkoj pioniras la novan lirikan skolon, komencinta kun la verkoj de Ruben Dario.

Rosalía de Castro estas, antaŭ kaj super ĉio, poeto de sia lando. En ŝiaj verkoj troviĝas la profunda korbatado de la tuta popolo. Ĉar, fakte, estas la galega animo, kiu kantas dolĉe kaj melankolie en ŝiaj poemoj.

En 1868 Rosalía publikigas sian unuan poemaron, sub la titolo "Galegaj Kantoj", kiuj respegulas la intiman unuiĝon de la autorino kaj ŝia gento. La galega popolo pasie, spontanee kaj entuziasme akceptis kaj alproprigis tiujn versojn.

Cent jaroj pasis, kaj ankoraŭ hodiaŭ ili estas freŝaj en la koro kaj lipoj de la tuta galega popolo. Per tiuj poemoj, Rosalía fariĝis giganta mito, kies nomon vi trovos tra la tuta Galegio dum via restado en ĉi tiu bela lando.

Oni povus demandi: "Kie troviĝas la sekreto de tiuj belegaj versoj"?

La verkisto Diez Canedo lerte malkovris tion al ni, kiam li diris:—

"Kiam ĉiuj deklamis au kantis, ŝi kuraĝis tutsimple paroli".

"Kiam ĉiuj poluradis la versojn, ŝi lasis en ilin mi ne scias kion da malligiteco kaj spontaneco, kiu utilis por konservi pli longe ĝian lirikan valoron".

En la "Galegaj Kantoj", ni trovas la forton kaj freŝecon de juna poetino. La galega popolo sin rekonas en ili. Neniu hispana poeto atingis iam tiel unuaniman kaj entuziasman fervoron, kiel la nomo de Rosalía vekas inter siaj samlingvanoj. La popolo sentas, kiel iu diris, ke Rosalía "ploris por ĉiuj, kaj por ĉiam".

Ŝia dua poemaro estis "Novaj Folioj", kaj aperis en la jaro mil okcent okdek. Ili estis versoj samtempe universalaj kaj intimaj, radikale malsimilaj al la "Galegaj Kantoj".

Tiel, al la populara korsento kaj ritmo de la "kantoj", sekvas la metafizika profundeco de "Novaj Folioj". La spirito de la poemoj estas tute malsimila, kaj tion la aŭtorino mem rimarkigas en la prologo al sia dua libro.

luj ne povis kompreni la metafizikan valoron de ĉi tiuj poemoj, kiuj troviĝas tiel aparte de la praktika filozofio de Campoamor, aŭ de la vakua sonoreco de Nuñez de Arce. Kaj tre speciale, se tiaj versoj aperas en "kamparana" lingvo. Tiel pensas, pli malpli, Unamuno, Pardo Bazán kaj Valle Inclán, galegoj la du lastaj.

Nuntempe, oni studas profunde la "Novajn Foliojn", el vidpunkto ekzistencialisma. Filozofiaj eseoj kaj studoj surbaze de antropologia medicino, oferas al ni nekonatajn facetojn el la genio de Rosalía. Du pure galegaj konceptoj, "saudade" kaj "morriña" (kiujn mi absolute ne pretendos traduki en esperanton), estas tre lerte studitaj de Piñeiro, en la dua poemaro de Rosalía.

Jen tre interesaj vortoj de Carballo Calero pri Rosalía de Castro: "Por ekspliki la verkadon de Rosalía, ne gravas la studo de ŝia persona kalvario: la doloro de la malfeliĉa lando, la doloro pri ŝia deveno, la sentimentalaj fiaskoj, la familiaj problemoj, la fizikaj suferoj. Tio, ne estus kaŭzinta la leviĝon de Rosalía al la suprema kategorio de lirikisto esence humana, se Rosalía mem ne estus posedinta iun puran humanan esencon, se en ŝi mem ne estus formiĝinta, kun mirinda pleneco, ia ideo pri la homa estaĵo, tute simila al la ideo, kiun la aktuala filozofio havas pri ĝi."

Trian libron ŝi verkis; ĉi tiun en hispana lingvo, kies graveco estas ankau tre alta. Ĝi titoliĝas "En las orillas del Sar".

Rosalía pasie eksperimentas la plej diversajn metrikojn en ĉi tiu libro. Kaj fakte, ŝi atingas la plej altan gradon de originaleco. Ŝi tiel fariĝis pioniro de la metrikaj formoj, kiujn poste adoptus la modernismo en Hispanio.

Kontraŭ la solena kaj regula fluado de akcentoj, kiujn ni trovas en la hispana poezio siatempa, Rosalía adoptis rompitan, kvazaŭ raŭkan, energian stilon, la plej neuzitajn manierojn, frukton el la eksterordinara sentebleco, kiun ŝi jam montris en la antaŭaj verkoj.

Kiel ebliĝis tiu ĉi metrika renoviĝo de la hispanaj poeziaj formoj? Ne estas facile respondi al tiu demando.

Eble pro ŝia izoliteco, pro la fakto ke ŝi verkis malproksime de Madrido, centro de la literatura vivo de la lando.

En ŝia obskura provinca angulo, Rosalía laboradis kun libereco ne ĝuita de la "oficialaj" poetoj, kies vojo estis antaŭfiksita de tradicio, kutimoj kaj senviva rutino.

Menendez Pelayo ne mencias ŝin. Clarin absolute ignoris ŝin. Valera ne enmetis ŝiajn poemojn en aŭtorinan antologion, kie briladis ĉiaklasaj senvaloraĵoj.

Tiamaniere, laborante tute aparte de la konata poetaro, Rosalía povis krei kun kompleta sendependo, atentante nur la klaran resonadon de sia supera spirito.

Kiam ĉiuj uzadis ok– aŭ dekunu– silabajn versojn, aŭ la aleksandron de Zorrilla, brilan kaj sonoran, - Rosalía adoptis novan metrikon kaj kombinojn. Kaj tamen, tiuj strangaj formoj, surprizaj kaj audacaj, estis la avangardo de la aktualaj liberaj stiloj.

Bazilo Losada, en sia Prologo al la "Antologio de Rosalía", energie asertas, ke ne estas ĝusta la portreto de Rosalía kiel senkultura kamparanino, kiu nur pro miraklo de sentebleco kapablis eltrovi renovigajn kaj esprimoplenajn novajn formojn. Rosalía ricevis la kulturon, kiun siatempe atingis junulinoj el provinca mezklaso.

Poste, la supera kulturo de ŝia edzo, Manuelo Murguía, sendube orientigis ŝin sur la literatura kampo. Ni scias, ke estis li, kiu impulsis Rosalíon verki en galega lingvo, kaj kiu korektis la skribaĵojn de sia edzino.

Sendube, la unua influo, kiun Rosalia sentis, estis tiu de la romantika poeto, el Kompostela, Aurelio Aguirre, tiama idolo de la universitata junularo.

Aliajn normalajn influojn oni povas sendube trovi en ŝia verkaro: Bajrono, Espronceda kaj Zorrilla Kaj poste, la plej forta influo estis certe tiu de Heine. Eble, ankaŭ Uhland, konata de ĉiuj esperantistoj, ĉar li estis la aŭtoro, germanlingve, de tiuj versetoj: "Supre staras sur la monto —la silenta kapeleto— en la valo, ĉe la fonto - ĝoje kantas paŝtisteto".

Pri la eblaj rilatoj inter la verkoj de Rosalía kaj tiuj de Bécquer, oni ne povas ĉi tie paroli. La poetika kampo de Rosalía estas multe pli ampleksa kaj varia, ol tiu de Becquer. Ŝi estas ankaŭ pli profunda ol la sevila poeto.

Certe, ekzistas punktoj de kontakto inter ambaŭ verkistoj. Tiaj koincidoj povas deveni el komunaj legadoj, aŭ de la asimiliĝo de siatempaj formuloj, klare percepteblaj ĉe ambaŭ. Oni akcentu la fakton, ke tiaj koincidoj rilatas la du lastajn poemarojn de Rosalía, ĉar ŝia unua verkaro, "Galegaj Kantoj", estas absolute propra, intuicia kaj elkora.

Rosalía de Castro verkis, proze kaj verse, en galega kaj kastilia lingvoj.

Hispane, "La Hija del Mar" kaj "Flavio" estas junecaj romanoj el folietona tipo, kiuj ne superas la ordinarajn romantikajn skemojn. Pli stilflua estas "Ruinas", aperinta en mil okcent sesdek ses. En tiu ĉi libro jam evidentiĝas pli profunda observo-kapablo.

Sed ŝia plej grava romano estis "El Caballero de las Botas Azules", sendube unu el la plej originalaj kaj surprizigaj romanoj siatempe; verko, kiu meritas profundan kaj detalan trastudon. En ĝi miksiĝas realismo kaj fantazio, kiel bazo de Cervantes-a satiro kontraŭ la folietona literaturo kaj la tiutempaj romanoj. La paralelismo inter "El Caballero" kaj kelkaj verkoj de Hoffmann kaj Poe, estas evidenta.

Kaj jen, ni alvenas, geamikoj, al la fino de mia paroladeto. Mi petas pardonon, se mi ne kapablis plenigi tiun tempon per la salo kaj belo de mia lingvo. Tamen, mi ankoraŭ kuraĝas ion peti de vi. Vi aŭskultis paroli, al negalego, pri du elstaraj galegaj poetoj. Sendube mi eraris, aŭ mi ne sciis meti antaŭ vin, fidoplenan portreton de tiuj du gigantoj de la galega literaturo.

Tiun difekton oni povas ankoraŭ korekti. Pro tio, mi invitas vin legi galegan poezion. Ekzistas multaj kaj tre bonaj antologioj aŭ poemaroj. Mi nur mencios tri el ili: "Antología de Rosalía de Castro", de la Biblioteca General Salvat; "Os cen mellores

poemas de Lingia Galega", de Alonso Montero, kaj la libro de Gonzales Garcés "Poesía Gallega Contemporánea".

Uzante ĉefe la unuan, mi preparis ĉi tiujn notojn. Legu, mi ripetas, galegan poezion. Tio estas facile, kaj via menso kaj spirito riĉiĝos en kontakto kun la dolĉa malnova lingvo. Tiu lingvo, en kaj pri kiu Curros Enrique verkis jenajn versojn:

"Cando todal-as lenguas o fin topen
"que marca a todo o providente dedo,
"a c'os vellos idiomas estinguidos
"sola una fala universal formemos;
"esa fala pulida, idioma úneco,
"máis que hoxe enriquecido, e máis perfeuto,
"resúme d'as palabra máis sonoras
"Q'aquelas n'os deixaran como en herdo;
ese idioma, compendio d'os idiomas,
"com'onha serenata pracenteiro,
'Com'onha noite de luar docísimo,
"será —qué outro sinon? — será o galego".

Dankon. 

Julio J. Juanes

---

# H.E.J.S. JUNULARA SEKCIO DE HEF

Unu el la plej veteranaj sekcioj de nia Federacio, la junulara sekcio, festis la eldonon de la numero 100 de sia bulteno, pere de speciala numero, kiu presita kaj tre bone prezentita, raportas pri diversaj temoj kaj analizas la historion de la junulara movado en nia lando. Gratulojn al la Redaktoro de HEJS pro lia senlaca laborado en la nuna malfacila situacio; ni mencias tion, ĉar en la numero 101 de HEJS, klare li indikas, ke nepre oni devas trovi novan estraron aŭ almenaŭ respondeculojn, kiuj estu pretaj preni sur sin diversajn taskojn, ĉar post la demisio de la prezidanto de HEJS je la komenco de la nuna jaro, oni indikas en la lasta HEJS-bulteno, ke ankaŭ la redaktoro finos sian periodon je la fino de ĉi jaro.

TIEL DO, GRANDA DEFIO STARAS ANTAŬ LA JUNULARO. Ĉu en Hispanujo troviĝas alia urbo, kiu prenos la torĉon de la landa junulara sekcio post Barcelono, Bilbao kaj Santandero?

Interesuloj petu informojn rekte al s-ro Miguel Gutiérrez Aduriz, Floranes 57-2.ª SANTANDER.

# 18-a KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Dum la tagoj 18-a kaj 19-a de septembro, ĝi okazis en Valls, grava urbo de la provinco Tarragona. Ĉeestis tiun jam tradician manifestacion esperantistan pli ol 200 gesamideanoj el pluraj urboj katalunaj. Krome, la nunjaran aranĝon reliefe prestiĝigis partopreno de esperantistaj amikoj eksterregionaj: la subskribinto reciprokis salutojn kun s-ro Otaola, el Bilbao; familio Zaragoza Ruiz el Callosa de Segura (Alicante); s-ro Gamboa, el Valladolid; familio Pastor, el Novelda (Alicante); s-ro Pérez Caballero, el Las Palmas (Gran Canaria); s-ro Capdevila Buil, el Valencia kaj fine kun la gajninto de Literatura Konkurso de Centro Esperanto Sabadell, la juna polo Tomasz Chmielik.

Sabate, la 18-an de septembro, inaŭguris la Renkontiĝon prelego en kataluna lingvo, fare de P. Manuel Casanoves CMF, por la neesperantista publiko en la loka kulturdomo, kie ankau estis prezentata Ekspozicio de Esperanto, cele informadi la vizitantojn pri la Internacia Lingvo.

Dimanĉe, la 19-an de septembro, jam frumatene renkontiĝis en la nomita kulturdomo gaja svarmo da diversoriginaj samideanoj, speciale veturintaj por ĉeesti la feston. Kiel programite, sekvis meso kun prediko en Esperanto, kiujn faris la distinginda esperantisto P. Manuel Casanoves CMF. Lin kunhelpis s-ro Tur per legado en Esperanto de la dua letero de la apostolo Jakobo. Ce la fino oni ĥore kantis La Esperon.

Poste oni sin direktis al la Urbodomo, kie la Renkontiĝanoj estis kore akceptataj de la Urbestro s-ro A. Galimany, kiu prononcis kuraĝigajn vortojn por la vizitantoj, al kies reprezentantoj li donacis miniaturan reproduktaĵon de la loka monumento honore al la folkloraj homturoj "Xiquets de Valls". Tiun lian ĝentilecon iel reciprokis s-ro Petro Nuez, kiu nome de la Esperanto – Kluboj kaj de HEF, transdonis al s-ro A. Galimany binditan ekzempleron de la verko KATALUNA ANTOLOGIO.

Tuj sekve, oni kuniradis al inaŭgurota strato Esperanto, kiu troviĝas en nova tre grava kvartalo kun modernaj konstruaĵoj pluretaĝaj. Tie la Urbestra Moŝto, s-ro A. Galimany, solene malkovris la nomtabulon kaj samtempe diris interalie: Plia strato Esperanto estas nun inaŭgurata en Katalunujo okaze de Esperantista Renkontiĝo. Ekde hodiaŭ la spiriton de Esperanto daŭre reprezentos Valls per tiu ĉi nova strato. S-ro LL. Puig, nome de Kataluna Kunordiga Komitato de HEF dankis la Urbestron pro lia bonvoleco apogi Esperanton en Valls. Organizo de Esperanto-Kurso devas esti la premiso, li diris, por la fondiĝo de Esperantista Rondo en la urbo, Tiucele ni helpos per la ofero de la perkoresponda kurso de Centro de Esperanto Sabadell. S-ro Tur, UEA-delegito en Barcelono, faris resumon en Esperanto por tiuj kiuj ne komprenis la katalunan lingvon. Fine s-ro LL. Puig transdonis la parolon al la pola samideano, kiu deklaris,



S-ro Petro Nuez dediĉas kelkajn vortojn en la oficiala ora Libro de la urbodomo antaŭ la rigardo de S-ro A. Galinany, urbestro de Valls.

ke invitite de C. de E. S., li restis unu monaton en Hispanujo, kie konstatis kiom Esperanto floras ĉe familioj, junuloj, infanoj, plenkreskuloj... Via lando, li diris, donas imitindan ekzemplon de esperantista organizado.

Sekvis la anoncita Arta Festivalo, kiun anticipis distribuado de diplomoj, atestantaj esperantistan kapablecon, al la sukcesintaj gelernantoj de "Stelo de Paco", el Barcelono kaj "Centro de Esperanto Sabadell". S-ro Petro Nuez, nome de Hispana Esperanto-Federacio legis la jenan mesaĝon de s-ro A. Figuerola: Kiel prezidanto de Hispana Esperanto Federacio mi salutas la ĉeestantojn de la 18-a Kataluna Esperantista Renkontiĝo kaj enfazas, ke Katalunujo estas ekde la unuaj periodoj kaj ankoraŭ nun estas, la avangardo de la Nacia Esperanto-Movado. Vi estu persistaj en la farenda tasko en nia lando. Mi sincere dankas al vi, katalunaj esperantistoj, pro viaj konstantaj laboro, penado kaj aktiveco favore de la Internacia Lingvo".

•

La Arta Festivalo komenciĝis per la skeĉo "Novaĵoj de la Kvina Kanalo", kiun prezentis la J.E.S.S.

Nia juna samideano, la kunredaktoro de "Boletin" s-ro L. de Yzaguirre surprizis ĉiujn spektantojn per tre belaj kantoj melodiaj en Esperanto, kiuj titoliĝas: Emina, Marijana kaj Apudmoskvaj Vesperoj, kiun li kantis kun sento kaj arto apartaj, mem akompanante sin per gitaro. Fine la infana trupo de C. de E.S. sub la kompetenta gvido de samideaninoj Magda Clerch kaj Eulalia Giner de Viladelmás, ludis kelkajn komikajn scenojn, el kiuj mi notis la tekston de: "La plej bona medikamento", jen ĝia enhavo: "Sinjorino, kion vi deziras? —Sinjoro Doktoro mi ne estas malsa-

na, sed mi estas malfeliĉa.–Kial? – Car mi ne povas dormi dum la noktoj-Kial vi ne povas dormi? –Ĉar mia edzo parolas dum la nokto en la dormo.–Sinjorino mi gratulas vin! Vi devas estis tre feliĉa! – Kial? – Ĉar vi povas aŭdi la sekretojn de via edzo.–Jes, mi povas aŭdi, sed mi ne povas kompreni.–Kial vi ne povas kompreni? –Ĉar mia edzo parolas en la lingvo Esperanto.– Sinjorino, ne estu malfeliĉa, sed estu inteligenta. Aŭskultu. La plej bona medikamento estas, ke ankaŭ vi lernu la lingvon Esperanton! ".

La Forumo pri la temo "Kiel reteni la kursfinintojn" apertis s-ro LL. Puig, kiu kune kun s-ro Petro Nuez ĝin kunordigis. La rajton paroli unualoke ricevis L. de Yzaguirre, kiu atentigis, ke en niaj E-Grupoj mankas Esperanta etoso, ke ĝenerale eĉ maturuloj sin esprimas nacilingve, kio ja estas tute kontraua al la spirito de nia Movado.



Parolado de S-ro Tomasz Chmielik juna pola verkisto, dum la inaŭguro de strato Esperanto.

S-ro Gómez Ibars, kiu sin deklaris internaideano, tamen esprimis la opinion, ke Esperanton oni amase lernos nur kiam ĝi

Ekspozicio pri "Esperanto".



Inaŭguro de strato Esperanto.

povos prezenti praktikan utilecon.– S-ro LL. Puig respondis, ke tiel KKK kiel HEF daŭre laboras tiucele.

S-ro Zaragoza Ruiz konsideris, ke elementa kurso de Esperanto ne plene sufiĉas. Ĝin nepre devas kompletigi daŭriga, supera kurso por konstante praktikigi la lingvon, almenaŭ unu tagon ĉiusemajne. Kun similaj kriterioj intersekve intervenis s-roj: Fernández Jurado, G. Moya, P. Mercader, H. Izal, kaj S. Aragay. Fine s-ro LL. Puig resumis ĉiujn vidpunktojn, kiujn oni notis por ilia eventuala analizo kaj diskuto en la estonteco.

Post ĝenerala fotografado okazis la frateca bankedo, kiun ĉeestis 129 kunmanĝantoj. Ĉe la deserto salutis la reprezentantoj de E-Grupoj, el kiuj mi notis la nomojn de s-ro: Alberich Jofré, el Barcelono; G. Moya kaj la 94-jara veterano Chaler, ambaŭ el Tarrasa; R. Sans, el Villafranca; Gómez Ibars, kiel redaktoro de la Brajla Esperanto-Bulteno salutis kaj dankis s-ron pro ties bonvola helpo; Antonio Grau, kiu dum la Arta Festivalo funkciis kiel prezentanto, salutis je la nomo de C. de E.S.; Zaragoza Ruiz nome de Alicante, Callosa del Segura kaj I.L.E.I.; Otaola, el Bilbao; Franquesa, el Lerida; Capdevila Buil, el Valencia; Costa, el Manlleu; H. Izal, nome de Hispana Muzeo de Esperanto; Pastor, el Novelda, (Alicante); Bruno, el Villanueva y Geltru; P. Caballero, el Las Palmas, (Gran Canaria), kaj aliaj. Apartan mencion meritas s-ro Mora Arana, kunredaktoro de Boletín, kiu salutis nome de Manresa kaj krome recitis poezion, kiun li speciale dediĉis al tiu esperantista evento. Jen ĝia teksto:

Junulara grupo



## OKAZE DE LA 18-a KATALUNA RENKONTIĜO, EN VALLS

Denove mi salutas vin plenĝoje,
okaze de, jen, nova Renkontiĝ'.
Entuziasme iras ni survoje
al cel' de intergenta kompreniĝ'.

Mi vin salutas, karaj geamikoj!
la urb', ĝentile bonvenigis nin.
De ni, ĉu restos solidaraj brikoj
por alta tur' de venkoj en senfin'?

En Valls stariĝas firmaj homaj turoj
—ekzemplo de multhoma kunlabor'.
Simile agu ni, lau bonaŭguroj
de tiu verda stel' en ĉiu kor'.

La temp' forflugas, ĉiam kun avido.
Post la semado, rikoltadu ni.
Kaj en kunec' ni diru: Gis revido! ",
plenplenaj je profunda emoci'.

Per kantado de la unua strofo de "La Espero", finiĝis la nunjara Renkontiĝo, kies aranĝo rezultis diversrilate tre pozitiva por Esperanto. Gis venonta jaro en...?

**V. Hernández Llusera**



Niaj renkontiĝanoj.

Aldonaj notoj:

Dum la Renkontiĝo funkciis Libro-Servo, kiun prizorgis s-ro L. Serrano Pérez.

Pluraj jurnaloj, radiostacioj kaj ankaŭ la TVE (Hispana Televido) raportis, anoncis aŭ menciis kun simpatio tiun esperantistan feston.

---

**ESPERANTAJ BULTENOJ KAJ INFORMILOJ**

Regule alvenas nian Redakcion bultenoj kaj informiloj de la E-grupoj de Valencio, Valladolid, UNESKO-Barcelono, HEJS, Sabadell, kiuj montras la vivantecon de nia lingvo en kulturaj kluboj kaj samtempe pruvas, ke nia Redakcio ne estas izolita aŭ fermita en sia Redakciejo. Pro tio, ni ĝojas ricevi novan informilon dediĉita al la infanoj, verkita kaj disdonita sub la aŭspicio de la Hispana Sekcio de ILEI.

Sinceran dankon al la geinfanoj de "Colegio Nacional, Kurso de Esperanto, Callosa de Segura, Alicante". Geinfanoj kaj profesoroj interesitaj petu pliajn informojn rekte al la menciita adreso.

# POR TAŬGA BIBLIOTEKAGADO

far Ludoviko de Yzaguirre

Unu el la aĵoj, per kiuj Esperanto pli konkrete materialiĝas, estas la libroj. Tial ni esp-istoj revas ĉiam pri grandaj, riĉaj, volupte libroplenaj bibliotekoj. Sed oni jam scias: "Kastel' en aero - malsato sur tero". Ni ne trovis agadmanieron, per kiu ni sukcesu havi bonan libraron, kiu samtempe prezentu aliajn ecojn: esti propagandilo pri Esperanto por la ekstermovadaj interesitoj.

Jen ni proponas novan agadfronton: la publikaj bibliotekoj. Se ĉiu grava publika biblioteko havus esperantan faketon, el ĝi povus profiti ne nur ĉiu esp-isto, sed krome ĉiu alia bibliotekemulo, por kiu tiu ĉi Esperanto-fako estus propagandilo kaj eventuala informilo.

Tial, tiun Esperanto fakon devos konsistigi subfakoj, nome Internacia (IFo), Nacia (NoFo) kaj Gazetara (GoFo) Fakoj. IFo entenos librojn por esp-istoj, precipe: PIV., Fundamenta Krestomatio, Fundamento de Esperanto, Esperanto en Perspektivo, verkoj de Zamenhof, Kabe, Grabowski, Kalocsay, kaj de aliaj plej elstaraj Esperanto-verkistoj, k.c.. NoFo entenos informajn librojn pri Esperanto kaj la lingva problemo, lernolibrojn, dulingvajn vortarojn, ktp, ĉio ĉi en la koncerna nacia lingvo. Fine GoFo devos prezenti kiel eble plej ampleksan kaj varian mozaikon da periodaĵoj, ekde ESPERANTO ĝis la loketa revuo, kaj internaciaj fakaj revuoj.

Do, ni vidas jam la celon. Sed kiamaniere atingi ĝin? Prezentiĝas du vojoj: donacoj kaj petoj. Ĉiu biblioteko havas petliston, en kiu oni rajtas enkonduki ĉiaspecajn petojn (malgraŭ tio, ke ili ne ĉiam sukcesas). Kaj kompreneble ĉiu biblioteko ankaŭ akceptas donacojn. Por dubemuloj estu sciigite, ke en Barcelono per la petvojo oni sukcesis aĉetigi al publika biblioteko la PIVon (pli ol 1500 pesetoj).

Car ni scias, ke jam kelkaj publikaj bibliotekoj en la hispana ŝtato havas esperantajn librojn, ni ŝatus fari statistikon. Por tio ni petas al la legantoj, ke ili sendu al la ĉefredaktoro enketon kiel tiu, kiun ni proponas:

| nomo de la biblioteco | IFO | NoFo | GoFo-N | GoFo-JKj |
|---|---|---|---|---|
| B. de la Barcelona Universitato | 2 | 17 | 2 | 12 |
| B. de Katalunujo | 10 | 14 | 10 | 88 |

IFo = Internacia Faketo; NoFo = Nacia Faketo; GoFo-N = Gazetara Faketo: nombro de gazetoj; GoFo-JKj = Gazetara Faketo: nombro de Jarkolektoj.

# OKTOBRA KUNSIDO DE LA REPREZENTANTOJ DE ESPERANTOJ – GRUPOJ DE KATALUNIO KAJ BALEAROJ KAJ LA K. K. K. DE HEF

La pasintan 12-an de Oktobro kunvenis en C. de E.S. la reprezentantoj de Esperantoj-Grupoj de nia regiono kaj la komitatanoj de K.K.K. de HEF. Pro la neĉeesto de nia prezidanto s-ro Petro Nuez, –li estis malsana– prezidis vicprezidanto de K.K.K. de HEF s-ro LL. Puig.

Tre interesa tragordo estis laborita de la komitatanoj, kaj la ĉefa trajto de la traktitaj punktoj estas la matureco de nia regiona Esperanto-Movado.

Dum tri laboraj horoj oni pritraktis pli ol 12 punktojn, sugestojn kaj konsilojn de la ĉeestintoj. Esence ni devas reliefigi, ke malgraŭ la ŝarĝita tagordo, oni sukcesigis ĉiujn pritaktitajn temojn, inter oli oni mencias la jenajn:

1-a Favora bilanco de la 18-a K.E.R. en Valls.

2-a Proponoj pri urboj por la estonta 19-a K.E.R.

3-a Distribuado de taskoj por la venontaj K.E.R.–j.



Vigla diskuto dum la lasta kunveno de K. K. K.

4-a Organizado de "Helpa Fonduso".
5-a Distribuado al la Radiaj Stacioj de la programoj de Radio Sabadell.
6-a Foto Konkurso pri K.E.R.
7-a Aliĝi kaj partopreni en la lingva departemento de la Kongreso pri Kataluna Kulturo.
8-a Arkivo de K.E.R.
9-a Sliparo de esperantistoj kaj simpatiantoj pri Esperanto.
10-a Foto - Arkivo.
11-a Floraj Ludoj.
12-a Ekspozicio pri Islando, kie okazos la 62-a U.K.

Kaj inter la sugestoj kaj konsiloj, meritas indiki: La neceson, ke ĉiu E-grupo delegu ankaŭ junulon kune kun oldulo al niaj estontaj kunvenoj. Ni intencos organizi "Fenestran afiŝon" en diversaj kinejoj, kie projekcias filmon rilate al Esperanto. Oni preparos kaj sendos resumon de la kunveno al la komitatanoj kaj reprezentantoj.

Prepari grandan standardon por uzi ĝin dum la K.E.R-j.Kaj oni kunvokis al la estraro por la venonta 8-a de decembro.

Pliajn informojn oni aperigos pri la menciita tagordo kaj temoj pritraktitaj. Tamen interesuloj pri ia ajn temo, bonvolu peti klarigojn rekte al la Sekretario. Antaŭdankon.

**Sekretario**
**S. Aragay**

---

# spritaĵoj dum la arta festivalo de la 18-a K.E.R. en Valls Novaĵoj en la 5-a Kanalo

1-a Iuj sektoroj opinias, ke Esperanto ne taŭgas ankaŭ por moderna instruado. Oni atendas, ke iu proponos, ke la Hispanan Instruadon oni okazigu angle, ĉar ĝi estas pli praktika.

2-a Du miliona monpuno al la organizintoj de la "Sis hores de cançó a Canet", kaj ne komprenebla senpuno al tiuj de la II-a HEJS-Tendaro.

3-a Unu HEJS-Delegito petis amnestion, kaj oni faras al li la "alkoholan provon".

**Lastaj novaĵoj alvenintaj al nia redakcio:**

Laŭ komuniko de A.A.S., kun la alveno de la vikingo I, estas certa la ekzisto de grandaj kvantoj da inerta gaso en Marto, proksimume, samproporcie, kiel en la tiel nomata Neŭtrala Esperanta Movado.

**LABOREMULO**

Ĉefo: Kion mi vidas? Eĉ dum la laboro vi manĝadas! Vi vere estas manĝegemulo.

Laboristo: Kontraŭe, ĉefo! Mi laboradas eĉ dum la manĝtempo! Tia laboremulo mi estas!

**LA VETO**

– Mi vetas kun vi je dek markoj, ke vi ne divenos, kial mi hodiaŭ vizitas vin.
– Nu, certe, vi venis por pruntepreni monon de mi.
– Malĝuste, Vi malgajnis la veton. Mi nur volis diri al vi "Bonan tagon". Do donu al mi la dek markojn!

---

## SKOLTA LE ESPERANTO-LIGO (SEL)

Denove SEL daŭrigas la laboron, starigi pliajn naciajn sekciojn kaj realigi grandan laborplanon por la venontaj jaroj, sur baze de tio, kion ni atingis ĝis nun. Do la plano estas preta, ni ricevis kapitalon por realigi ĝin, iom da mono ni havas. Sed urĝe ni bezonas aktivajn helpantojn. Interesuloj kaj simpatiantoj de SEL petu informojn rekte al la NACIA REPREZENTANTO (NR) s-ro S.A. Galbany, Carreras Candi 34-36 Entr 3ª Barcelono-14.

La organo de SEL "La Skolta Mondo" atendas vin. Abonkotizo: 100 pesetoj.

oOo

**DEZIRAS KORESPONDI**

16-jarulo, komencanto, deziras korespondi kun junulo aŭ junulino.

Dimitris Politis, Kolokotromi 92, Neo Iraklio, ATENO, GREKUJO.

oOo

Juna esperantisto deziras korespondi kun junuloj.

HANS JOAQUIN BRENDEL. 3/119 Kanumba Street, Yeronga –QID.4104 AUSTRALIO.

oOo

Dudekjara studento ŝatas historion, desegnadon, kolektas bildkartojn, kaj korespondi. Vadocz Erzsebet, 1144 Budapest. Gradanyn 32-34 .7.23 Hungario.

# La filogeneza evoluo de esperanto

Petro Nuez

"Esperantologio" estas tiu branĉo de la lingvistiko, kiu esploras kaj priskribas la diversajn procedojn, per kiuj la esperantistoj esprimas siajn pensojn kaj sentojn, kaj studas pri la origino kaj evoluo de tiuj kunordigitaj principoj.

La esperantologio konsistas el 11 laborkampoj: fonetiko, leksikologio (vortkunmeto, morfologio, vortenkonduko, leksikografio, vortofteco), etimologio, sintakso, semantiko, stilistiko, filogeneza analizo, ontogeneza esploro, interlingva komparo, pedagogio kaj bibliografio.

Kiel dirite, unu el la fakoj de la esperantologio estas la filogenezo, tio estas, la lingva evoluo de Esperanto.

Se ni tralegas la unuan libron aperitan en esperanto (la unua lernolibro por rusoj, nomata "Unua Libro", eldonita je 1887), ni tute bone komprenas la esperantan tekston, tiel perfekte kiel se ĝi estus verkita nuntempe. Tamen, tiu verko entenas kelkajn formojn, restojn de antaŭaj Zamenhofaj provoj, kiuj malaperas ĉe la "Aldono al dua libro" (1888), t.e., unu jaron poste. Ĉe la korelativoj troviĝas la vortoj "ian", "kian", "nenian", "ĉian", "tian", kiuj signifas, respektive, la nunaj "iam", "kiam", "neniam", "ĉiam" kaj "tiam".

E. de Wahl atentigis la majstron rilate la konfuzon kiun igas la koincido de la kolektiva adjektivo "cîa" akuzative ("ĉian") kun la tempa adverbo "ĉian" (nuna "ĉiam"). Tiam, Zamenhof korektis tiujn malordojn.

De Wahl estis unue volapukisto, poste fariĝis fervora esperantisto, sed posedante la febron pri reformoj, li transiris al la idista kampo; tamen, ne konvinkita je la perfekteco de ĉiuj antaŭaj planitaj lingvaj projektoj, tiam li kreis sian propran planlingvon "Occidental" bazita precipe sur la franca kaj angla lingvoj, t.e., kiel prave diras J. Weisbart (germana idisto, kreinto de la planlingvoj "Unial" 1909, "Europal" 1911, "Medial" 1923 kaj "Mundi Latin" 1930): "ke Occidental aperas kiel lingvo de moderna imperialisma okcidento".

La "Unua Libro" por rusoj (1887) entenas kelkajn vortojn, kies radiko havas sencon malsimilan ol nuntempe, ekzemple, "erari" (vagi), "forko" (forkego), "stalo" (ŝtalo), "ŝtofo" (materio, kemia principo), "vaksi" (kreski), "tombi" (fali), aŭ ŝanĝitajn formojn kiel "speri" (esperi) kaj "vinki" (venki). Je la unuaj tempoj, la vorto "artikolo" estis skribita kaj prononcata "artikulo".

La "Universala Vortaro", kiu unuafoje aperis en 1894 ĉe Gins en Varsovio (ekde 1905 la "Universala Vortaro" estas integra parto de la "Fundamento de Esperanto"), enhavas la esprimon "vipero", kiu transformiĝis en la nuna formo "vipuro" (serpento kun venendentoj antaŭe en la supra makzelo).

Do, per la menciitaj supraj ekzemploj, ni konstatas ke la lingva evoluo de Esperanto ne estas tro elstara, sed jes, evidenta.

Unu jaron post la apero de Esperanto, Antoni Grabowski kuraĝis traduki la rakonton "La Neĝa Blovado" de A. Puŝkin, kiam la vorttrezoro de la Internacia Lingvo konsistis el nuraj 900 radikoj. Trastudi ĝin estas tre interese, ĉar la verko

prezentas la stariĝon de la literatura Esperanta stilo. La pola tradukinto kreis el nenio novajn formojn aliakarakteraj al la originala lingvo, establante la beletran modelon. En la verko troviĝas arkaikaj esprimoj: "apoĥo" (epoko), "preĝejeto" (kapelo), "knabino" (ĉambristino), "kuneligaĵo" (pakaĵo), "sen sentoj" (senkonscia), "diskuŝigi kartojn" (kartoludi), ktp. Laŭ la kronologia ordo, tiu ĉi romaneto estas la verko numero 14 el la tiamaj eldonoj; do, la antaŭaj 13 malsimilaj eldonitaĵoj estis nur "lernolibroj".

Je la jaro 1889, E. de Wahl tradukis el la rusa lingvo la rakonton "Princino Mary" de la aŭtoro M. Lermontov, el kiu ni povas kompari vortojn tiamajn kun la nunaj: "alilanduloj" (alilandanoj), "montokapoj" (montopintoj), "romanta" (romantika), "drinkistoj" (drinkuloj), kaj aliaj.

La verko numero 19 aperis en Varsovio la saman jaron (1889), kies aŭtoro estas Goethe; "La Gefratoj", en bela traduko de A. Grabowski, regalas nin per logikaj vortkunmetoj: "ekkoniĝo" (konatiĝo), "malenuigi" (amuzi), "senfundaĵo" (abismo).

En la jaro 1888 troviĝas adekvataj formoj: "plentago" (diurno), "ununombro" (singularo), ' "gajno" (premio); kaj je 1889: "grandegulo" (giganto), "brulumo" (inflamo), "popoldiro" (proverbo), "profundegaĵo" (abismo), "malsanulejo" (hospitalo), "ĉirkaŭvido" (panoramo), "farejo" (fabriko)...

G. J. Degenkamp, en sia verko "Esperanto 60-jara" (skizo pri la evoluo de la lingvo literatura) skribis: "Oni ne kredu, ke la unuaj literaturaj eksperimentoj devenas nur de Zamenhof! Jam en la unuaj jaroj post sia apero la lingvo akiris adeptojn inter literaturistoj. Inter la plej talentaj ni menciu nur Antoni Grabowski, Felix Zamenhof, Devjatnin, Kofman. Dum kiam sur literatura kampo la unuaj esperantistoj praktikis la lingvon iom hezite inter la pli malpli fiksitaj limoj gramatikaj, Grabowski estis la unua, kiu donis fortan puŝon al plejeble vasta eluzado de la ebloj, kiujn prezentas la Esperanta gramatiko super ĉiuj aliaj lingvoj. Li estis la "modernulo" inter la klasikuloj kaj liaj lingvaj eksperimentoj kreis la bazon por posta pli ekzakta ellaboro de la gramatiko. Lia unua traduko "Neĝa Blovado" de Puŝkin, estas speciale rimarkinda pro tio, ke konserviĝis en ĝi la primitiva, kvazaŭ hezita moviĝo sur kampo ankoraŭ tre nova, sed dume jen kaj jen montriĝis en ĝi la ĝermoj de posta evoluo..... Ne estas mirige, ke homo, kiu sciis tiom arte manipuli lingvon en ĝia ankoraŭ iom primitiva formo, dum la daŭro de sia multjara literatura praktikado kapablis doni ĝustan direkton al la uzado de la lingvo, pruvante ĝian elastecon en maniero nekomparebla..."

Por pli bone konscii pri la filogeneza evoluo de nia kara lingvo, ni rigardu areton da vortoj uzataj je malsimilaj jardekoj:

| 1889 | 1920 | 1940 |
|---|---|---|
| aĉetejo | bazaro | vendejo |
| aerveturanto | aeronaŭto | aviadisto |
| antaŭlego | parolado | prelego |
| ĉerkujo | maŭzoleo | tombejo |

Kiel postparolo al mia eta eseo pri Esperanta lingva filogenezo, mi devas sincere danki la nunajn eldonistojn, kies sindonemo labora kaj mona, ebligis al ni, ke ni povu ĝui legante la elĉerpitajn unuajn verkojn skribitaj en la primitiva esperanto, danke al iliaj represoj pere de la moderna presarta ofseta sistemo.

Ni esploru, observu, analizu la esprimojn, nuancojn, stilon kaj frazokonstruon de niaj literaturaj pioniroj, kaj ni perceptos la grandiozecon de la Internacia Lingvo.

## BIBLIOGRAFIO

ESPERANTO; D-ro, 1887: Internacia Lingvo, antaŭparolo kaj plena lernolibro por rusoj. Varsovio (40 p)
PUŜKIN; A. (tr. A. Grabowski) 1888: La Neĝa Blovado. Varsovio (21 p)
GOETHE. (tr. A. Grabowski) 1889: La Gefratoj. Varsovio (26 p)
LERMONTOV; M. (tr. E. de Wahl) 1889: Princino Mary. Varsovio (32 p)
STOJAN; Petro, 1929: Bibliografio de Internacia Lingvo. Geneve (560 p), 1953: Deveno kaj vivo de la lingvo Esperanto. Bruĝo. (110 p)
NEERGAARD; Paul, 1942: La Esperantologio kaj ties disciplinoj. Taskoj kaj rezultoj. Kopenhago (64 p)
WARINGHIEN k aliaj; G., 1970: Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto. Parizo (1299 p).

---

### EXAMENES DE ESPERANTO CELEBRADOS EN EL FERROL, 1.976

Resultaron aprobados en el grado "Kapabla Esperantisto":

D. Antonio Rico Martínez
D. Armando Gómez Sestelo
D. Manuel Angel Abeledo Trillo
Dª Ana Guerrero Corral
D. Francisco Javier Cobas Seoane
D. Patricio de Fuentes y de Valbuena
D. Faustino Castaño Vallina
D. Giordano Moya Escayola
D. Quiterio García Ballesteros
D. Vicente González González
D. Manuel de Silva Díaz
D. Lázaro Luis Hernández Royo
Dª Johana Hernández Royo

Y en el grado de "Esperantista Instruisto":

D. Giordano Moya Escayola

---

## EL POPOLA ĈINIO

# UN KAJ NI

- **APERIS TRADUKO ESPERANTA**
- **DECLARACIO PRI DEKOLONIIGO**

Laŭ peto de la aŭstralia ambasadoro ĉe UN, s-ro Ralph Harry, la Oficejo pri Publika Informado de UN eldonis, en stencilita formo, Esperantan tradukon de la "Deklaracio pri donado de sendependeco al koloniaj landoj kaj popoloj", en la 18a de decembro pasintjare, okaze de la 15a datreveno de la deklaracio.
La tradukon faris s-ro Harry mem kun helpo de s-ro A. Schwarts, kiu laboras en la Fako traduka ĉe UN kaj parolas Esperanton.

S-ro Harry klopodas eldonigi pliajn bazajn dokumentojn de UN en Esperanto, kio estas vere subteninda.

Okaze de sia vizito al UN, la prezidanto de UEA s-ro Tonkin, priparolis ankaŭ tiun temon de esperantigo kun la direktoro de la Fako Pri Interpretado Kaj Kunsidoj kaj la estro de la Unuo Pri Kontraktaj Tradukoj.

## KIEL ENKONDUKI ESPERANTON EN UNUIĜINTAN NACIARON?

S-ro Humphrey R. Tonkin en la pasinta novembro prezentis sian malnetan dokumenton por "Enkonduko de Esperanto en la Unuiĝintan Naciaron" kaj atendas, ke pluraj aktivuloj en la agado por eksteraj rilatoj, precipe la Novjorka Laborgrupo pri UN, poluros la dokumenton, surbaze de kiu la agado de UEA sur tiu kampo estos kunordigita.

## KUNLABORI EN LA ASOCIOJ

La kunordigata agado de UEA pri UN kaj ĝiaj instancoj kaj suborganoj estas farenda ne nur en Novjorko kaj Parizo sed ankaŭ ĉie en la mondo. Ekzemple en Ĝenevo, kie troviĝas la mondaj oficejoj de Monda Organizo Pri Sano, Internacia Telekomunika Unio, Internacia Labor-Organizo, Monda Federacio de UN-Asocioj; en Berno, kie troviĝas Universala Poŝta Unio; en Romo, Nutraĵa Kaj Agrokultura Organizo; en Montrealo, Internacia Organizo Por Civila Aviadilo. Krome troviĝas, en multo da landoj, Asocioj Pri Unuiĝinta Naciaro, kiuj ĝenerale ĝuas favoron de la koncerna ŝtato. Se ni konsideras, ke la Monda Federacio de la UN-Asocioj havas konsultajn rilatojn kum UN en la kategorio A (sub Ekonomika Kaj Socia Konsilio), ni vidas ankaŭ utilon, ke ni kunlaboru kun la Asocioj Pri UN en diversaj landoj. Por tio necesas aktivaj partoprenoj de unuopaj esperantistoj, en kunordigita agado en UEA pri UN, en multaj landoj.

Verŝajne ĉiu nacia Asocio Pri UN havas filiojn en diversaj urboj de la lando, al kiuj lokaj esperantistoj povas facile membriĝi.

Ĉu tio ne estas speco de laboro, kiam preskaŭ ĉiu el ni povas fari en sia regiono? .

oOo

[Informoj de Komisiono Pri Eksteraj Rilatoj de UEA]

D. L.-Z: 375-1963